17-a jaro. N-ro 1 (185) Januaro-Marto 1931




Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :

**FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11**

ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :

**H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO**

**Jara Kotizo kun abono : Fr. 30,- — Eksterlando : Belgoj 6,-**

ANTVERPENO

1931

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Fondita en 1905.**

Honora Prezidanto: **Princo Leopoldo, Duko de Brabanto.**

(Honora Prezidinto: formortinta Generalo Grafo Leman).

**Estraro:**

Prezidanto pro honoro: A. J. Witteryck, Steenbrugge.

Prezidanto: Fr. Schoofs, Kl. Hondstr., 11, r. du Petit Chien, Antverpeno.

Vic-prezidantoj: L. Cogen, Dreef, 52, Drève, Ninove.

P. Kempeneers, r. aux Laines, 20, Wolstraat, Bruselo.

Ĝen. Sekretario: H. Petiau, St. Lievenlaan, 60, Bd. St. Liévin, Gento.

Kasisto: M. Jaumotte, Lage Weg, 254/14, Chemin Bas, Hoboken.

Direktoro de la oficiala organo: F. Schoofs.

**Komitato:**

**Konstantaj komitatanoj:** Cam. Babilon, L. Champy, M. Elworthy-Posenaer, Fr. Schoofs, W. Van den Biest, Osc. Van Schoor.

**Delegitoj de la Grupoj:**

AALST: Grupo « Pioniro ». — R. De Kegel.
ANTVERPENO: « La Verda Stelo », S. s. p. c. — M. Jaumotte, A. Faes.
BRUĜO: Bruĝa Grupo Esperantista. Yv. Thooris, Ch. Poupeye.
BRUSELO: Brusela Grupo Esperantista. — P. Kempeneers, R. Brihay.
CHARLEROI: Karloreĝa Grupo Esperantista. — A. Henraut.
GENTO: Genta Grupo Esperantista. — H. Petiau, Cl. Van de Velde.
HASELTO: Haselta Grupo Esperantista. — Fr. Van Genechten.
KORTRIJK: Grupo Esperantista. — C. Vanbiervliet, G. Debrouwere.
LIEĜO: « Lieĝa Ago ». — E. Oger.
LIERO: « Liera Stelo ». — Jos. Leflot.
LOKEREN: « Durma Stelo ». — A. Roels.
LOVENO: Grupo Esperantista. — R. De Keyser.
MEĤLENO: Meĥlena Grupo Esperantista. — A. Baesens.
NIEUWPOORT: Grupo Esperantista. — L. Braet.
SPA: Grupo Esperantista. — J. Desonay.
S-ta NIKOLAO: Grupo « Al Triumfo ». — R. Geerinck.
SCLESSIN-LIEĜO: « Grupo Esperantista ». — J. Bissot.
THIENEN: Grupo Esperantista. — Ed. Dewolfs.
VERVIERS: Grupo Esperantista. — Jos. Hérion.

**Juĝantaro pri profesora kapableco:**

Efektivaj membroj: F-ino M. Jennen, L. Cogen, Cl. Vandevelde.

Anstataŭantoj: Oscar Van Schoor, A. Henraut, F. Mathieux.

Kandidatoj bonvolu sin anonci al la ĝenerala sekretario.

**Gazetara Servo:** F. Schoofs, Edg. De Coster.
**Radio-fako:** P. Kempeneers, Lod. Bas.

**Kotizo:** Fr. 30,— jare, inkluzive abono al « Belgo Esperantisto ».

**Poŝtĉeko: 1337,67** de Belga Ligo Esperantista.

Por la kroniko: la grupoj bonvolu havigi al nia Ĝenerala Sekretario sian koncizan raporton **je la 15a de ĉiu monato,** kun sia programo por la sekvonta monato.

17a JARO N-ro 1 (185) JANUARO-MARTO 1931.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de Belga Ligo Esperantista*

Direktoro:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antverpeno
Telefono: 943.74

Abonpagoj kaj aliaj monsendoj al
Poŝtĉeko No 1337.67
de
BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Konstantaj kunlaborantoj:** M JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES
H. PETIAU. F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, H. VERMUYTEN.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas.*
*La Redakcio konservas por si la rajton korekti laùbezone la manuskriptojn.*

## AL NIAJ ABONANTOJ

Antaŭ ol dissendi la unuan kajeron de nia kolekto 1931, ni deziris likvidi plene la jaron 1930. Ni faris tion havigante al ĉiuj membroj de nia Ligo ekzempleron de la bonega broŝuro franclingve verkita de M. Rollet de l'Isle « L'Initiation à l'Esperanto », kune kun flandra traduko titolita « Inleiding tot Esperanto » de nia kunlaboranto Maur. Jaumotte.

Ni ne dubas, ke tiuj broŝuroj tre utilos : unue al la Esperantistoj mem, inter kiuj multaj nove-venintaj ne konas la detalojn de la Esperanto-movado kaj de ĝia historio, punktoj kiujn plej klare pritraktas en konciza maniero la suprecitita verketo; due al la propagando por nia lingvo inter la neesperantista publiko: ĉiu el niaj membroj havas nun en siaj manoj ilojn per kiuj li povos entrepreni varban laboron per niaj du naciaj lingvoj. Por plene dokumenti la varbotan personon oni aldonu malgrandan lernolibreton (« Leerboekje » — « Premier Manuel »).

Nia granda espero estas, ke ĉiuj niaj membroj efike uzu la propagandilojn, kiujn ni metis je ilia dispono.

---

Ni petas la grupojn, ke ili havigu al ni senprokraste la raporteton pri sia societa vivo dum la unuaj kvin aŭ ses monatoj de la jaro por ke ni publikigu ĝin en la proksima numero de nia organo, kiu aperos je la mezo de julio. Ili ankaŭ havigu al ni la plenajn listojn de siaj membroj por ke ne okazu eraroj en la dissendo de la gazeto.

Nia proksima numero ankaŭ enhavos la raporton pri nia nacia kongreso de Nieuwpoort. Plenumante nian programon, ni pretigas nun la publikigon de bela literatura libreto, kiu post nelonge estos dissendata al ĉiuj membroj, kiuj pagis sian kotizon por la nuna jaro.

Fr. SCHOOFS.

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Protokolo de la kunveno de la Direktanta Komitato okazinta en Bruselo, en " Brasserie du Sac ", Granda Placo, la 25an de Oktobro 1930.**

La kunsido malfermiĝis je la 10 1/2a sub la prezidanteco de S-ro Schoofs, prezidanto.

Ĉeestis: S-ino Elworthy, S-roj Champy, Schoofs, D-ro Van der Biest kaj Oscar Van Schoor, gekomitatanoj.

Estis reprezentataj la grupoj el: Aalst, Antverpeno (Verda Stelo), Bruselo, Gento, Liero, Nieuwpoort kaj Spa.

Senkulpigis sin: S-ro Babilon, Komitatano kaj la grupaj Delegitoj el Lieĝo, Sclessin kaj Verviers.

Antaŭ ol komenci la diskutadon de la tagordo, D-ro Kempeneers deziras la bonvenon al la ĉeestantaro en la nova ejo de la Brusela Grupo kaj konigas la aranĝojn faritajn por agrabligi, post la kunveno, la restadon en Bruselo. S-ro Schoofs dankas je l'nomo de la ĉeestantoj.

TAGORDO:

1) **Situacio financa kaj morala de " Belga Ligo Esperantista ".**

S-ro Jaumotte, Liga Kasisto, montris la financan situacion de la Ligo, kiu estas preskaŭ la sama kiel la pasintan jaron malgraŭ la plialtiĝo de la Ligo kotizo. Tio devenas de la esceptaj enspezoj faritaj en 1928 dank-'al la internacia kongreso kaj ankaŭ pro la likvido de « Antverpeno Grupo Esperantista », kiu donacis al la Ligo la sumon de Fr. 845,—. La rezerva kapitalo estas de ĉirkaŭ dek mil frankoj; la financa situacio estas do kententiga.

Pri la morala situacio, la prezidanto kaj la Sekretario diras, ke la rilatoj inter la grupoj kaj la Ligestraro estas tre bonaj kaj amikaj.

2) **Prokrasto de " Belga Esperantisto ".**

La diskuto pri tiu punkto estis tre amika. Kvankam oni ĝenerale bedaŭras la neaperon de B.E., oni unuanime konsentas, ke eldono de ĵurnalo estas afero ne facila, kiu postulas multe da tempo, da laboro kaj grandan sperton. Oni senescepte akordiĝas por peti S-ron Schoofs, ke li daŭrigu la direktadon de nia revua esperante, ke ĝi povos baldaŭ reaperi. S-ro Schoofs dankas por la konfido esprimita al li kaj promesas fari sian eblon por baldaŭa ĝisdatigo de la revuo, esprimante sian bedaŭregon pro la fakto, ke cirkonstancoj ekster lia volo kaŭzis la prokraston.

3) **Propagando en Radio-Sfero.**

S-roj Kempeneers, Jaumotte kaj Bas plej bone prizorgas tiun fakon, kiu, verŝajne, fariĝos tre fruktodona la venontajn jarojn pro diversaj favoraj aranĝoj ĉe la oficialaj Radio-organizaĵoj.

La prezidanto kore dankas S-ron Bas por la grava helpo, kiun li donas al ni en tiu fako.

4) **Estonta Nacia Kongreso.**

La grupo el Nieuwpoort oficiale petinte la aranĝon en sia urbo de nia proksima nacia kongreso, estas aklame decidite, ke la XXa Belga Kongreso okazos en Nieuwpoort dum Pentekosto 1931.

5) **Reelekto de la Ligestraro.** — La Ligestraro estas unuanime reelektita sen baloto.

6) **Diversaj komunikaĵoj.**

*Kongreso pri Turismo.* — Okazos en Bruselo, la 30an de novembro, kongreso pri Turismo. D-ro Kempeneers donas kelkajn klarigojn pri ĝi kaj proponas, ke B.L.E. aliĝu al tiu kongreso. Tiu propono estis akceptata kaj la komitato komisiis D-ron Kempeneers por reprezenti la Ligon en tiu kongreso kaj fari la neceson por ĝia aliĝo kaj ankaŭ por U.E.A.

« *Annuaire Belge du Commerce et de l'Industrie* ». — La Sekretario insistas por ke la grupoj sendu al li senprokraste la adreson de la membroj, kiuj deziras, ke ilia nomo aperu en tiu jarlibro.

*Dudekjara jubileo de « Genta Grupo Esperantista »*. — La 30an de novembro 1930, tiu grupo festos sian dudekjaran jubileon per Esperanto-Tago. La prezidanto varme alvokas ĉiujn grupojn sendi delegitaron al tiu jubilea festo kaj esperas, ke multaj samideanoj ĝin ĉeestos.

*Vizito de globstrotuloj.* — Estis rekomendate, ke la grupoj estu tre singardemaj pri la akcepto de « Globtrotuloj », kiuj plej ofte nur faras malbonon al nia afero. Antaŭ ol akcepti ilin, oni petu informojn de la Ligestraro, kiu estas en konstanta rilato kun I.C.K.

La kunsido finiĝis je la unua.

---

# BELGA KRONIKO

### Resumo pri la Grupa vivo en 1930:

ANTVERPENO. — **" La Verda Stelo ".** — Je la okazo de la vizito de niaj hungaraj samideanoj S-roj Puskaŝ kaj D-ro Lukacs, tiu grupo organizis la lan de Aprilo belan vesperon en la salono « Patria ». La hungaraj amikoj plej interese parolis pri sia lando kaj per filmo klare kaj agrable ilustris sian paroladon. Bone elektitaj popolkantoj agrabligis ankaŭ la vesperon.

Diversaj kursoj estis organizitaj, kondukitaj de F-ino Jacobs, S-roj Faes, Boffejon kaj De Hondt kaj perfektiga kurso gvidita de S-ro De Ketelaere.

Festetoj okazis je la honoro de la diplomitaj gelernantoj el diversaj kursoj. Kurso de S-ro Faes: F-inoj Van Coppenolle, Mansart, S-ro Nuchelmans kaj s'Jongers, F-inoj Jeanne Janssen, Bertha Roofthooft, Madeleine Van Kerckhove kaj S-ro L. De Backer. Kurso de F-ino Jacobs: S-ro Rosenblatt, F-ino Van Walle, S-ro Moreels, F-inoj Andries, Devadder, S-roj Duym, Frederickx, Fret. Kurso de S-ro Faes: F-inoj Van Coppenolle, Mansart, S-ro Nuchelmans kaj F-ineto Lambert. Perfektiga kurso de S-ro De Ketelaere: F-ino Hollants, S-ro De Wit, F-inoj Willé, Van den Bossche, Van Maanen.

Diversaj paroladoj estis faritaj, nome de S-ro W. De Schutter pri la kurludoj de Toroj en Hispanujo, de S-ro Ameryckx pri la utileco kaj neceseco de fizika ekzercado, de S-ro H. Boffejon (kun plej interesaj filmoj) pri la Ford-entreprenoj en Ameriko, de S-ro Schoofs pri la universala kongreso en Oxford, de S-ro A. Faes pri la historio de la urbo Oxford kaj pri Londono

(kun lumbildoj), de S-ro Ch. Van der Veken pri la Radiumo kaj pri la rolo kiun Belgujo ludas en la produktado de radiumo.

La grupanoj ankaŭ faris sian tradician viziton al la fama antverpena Pulĉinela Kelo.

**Antverpena Polica Grupo Esperantista.** — Dekduo da junaj policistoj partoprenis la kurson de Esperanto, kiun gvidis S-roj Fr. Schoofs kaj Willy De Schutter.

BRUĜO. — **" Bruĝa Grupa Esperantista ":** La 6an de Aprilo la grupo akceptis la du hungarajn samideanojn, S-rojn Lukacs kaj Puŝkas, el Budapest. Ili okazigis vespere brilan feston en la grupa sidejo, kun paroladoj, muziko, lumbildoj kaj kinematografaj filmoj pri sia lando. Ankaŭ multaj ne-esperantistoj ĉeestis.

La 4an de Majo partopreno al la inaŭguro de la statuo de Guido Gezelle. Specialaj malfavoraj cirkonstancoj faris, ke nur tri membroj de la grupo ĉeestis la Belgan Kongreson en Lieĝo.

La 29an de Junio partopreno en la sekvantaro de la kolonia tago kaj posttagmeze ekskurso al Varssenaere.

Dum Julio la grupo reorganizis la kant-vesperojn, kiuj de tiam okazas ĉiumonate.

La 6an de Julio vizito al Oostduinkerke kie libertempis kelkaj britaj amikoj. Posttagmeze ekskurso al Nieuwpoort, kie la loka grupo plej kore akceptis la bruĝanojn. La britaj samideanoj venis el Oostduinkerke por reciproki la viziton al la Bruĝa Grupo, la 9an de Julio.

La 24an de Aŭgusto la grupo sendis delegacion por saluti niajn gereĝojn, kiuj oficiale vizitis la urbon.

La 1an de Novembro partopreno en la ĉiujara funebra sekvantaro al la milita tombejo.

Debata vespero okazis la 24an de Novembro en « Cercle Comœdia » pri la temo « Une langue universelle? » F-ino Y. Thooris, prezidantino de la grupo, anstataŭis S-ron Jaumotte, malhelpita, kaj defendis sukcesplene nian ideon : Esperanton. Ankaŭ partoprenis en la debato F-ino Andrée Algrain kaj S-ro Ch. Poupeye.

La vintra kurso komenciĝis la 28an de Novembro gvidata de S-ro Ch. Poupeye, grupa sekretario. Entute estis 39 novaj gelernantoj.

La jubilean feston de la Genta Grupo ĉeestis ok membroj de la grupo.

Ĉe la fino de la jaro daŭris la kurso kun la plimulto el la enskribitaj lernantoj.

BRUSELO. — **Brusela Grupo Esperantista.** — La komitato, elektita en Oktobro 1930, estas kunmetita jene : prezidanto, D-ro Van den Biest ; vicprezidanto, D-ro Kempeneers ; sekretariino, F-ino La Haye ; kasistino, F-ino Wittrien ; bibliotekistino, F-ino Obozinski ; membroj, S-roj Bas kaj Lavisse.

La gegrupanoj kunvenas ĉiusemajne en la « Brasserie du Sac », 4, Granda Placo. Ĉiumonate okazas ĝenerala kunsido, por pridiskuti propagandajn rimedojn, parolata ĵurnalo, kiun organizas D-ro Kempeneers, amuza vespero kun kantoj kaj societaj ludoj. Plurfoje okazis dialoga-legado de teatraĵoj (Devo de Reĝo, La Revuo de la Sepa, La Amuzistoj, Kaatje, George Dandin). La teatra

sekcio ludis « La Komisaro estas bonulo », de Courteline, ĉe la festoj okaze de 20 jara ekzistado de la Genta Grupo, S-ro Badin de Courteline ankaŭ, ĉe unu el la grupaj kunsidoj, kaj « Ŝafo », de Bisson, ĉe la Belga Esperantista Kongreso en Nieuwpoort. Multaj paroladoj (kelkaj kun lumbildoj) okazis; ilin faris S-ino Sindhwad, F-inoj Adamkova, La Haye kaj Obozinski, S-roj Bas, Kempeneers, La Haye Lavisse, Pickard kaj Van der Biest. Kelkaj kunsidoj estis dediĉataj al diskutado kaj interparolado; okazis loterioj kaj aŭkcioj. Je Kristnasko S-ino Sindhwad organizis kun granda sukceso Kristnaskarbon. Oni ankaŭ faris plurajn vojaĝetojn kaj ekskursojn.

GENTO. — " **Genta Grupo Esperantista** ". — Nova kurso kontentige funkciadis kaj la grupaj kunvenoj okazis regule. La grupestraro faras alvokon al ĉiuj membroj por ke ili ĉeestu tiujn kunvenojn, kiuj okazas ĉiumerkrede, je la 7a verspere, en la lernejo: Nova Sankta Petro-strato, n° 47.

La grupo festis la dudekjaran jubileon de sia fondiĝo per « Esperanto-Tago »; ĝin ĉeestis gesamideanoj el ĉiuj partoj de la lando kaj eĉ el Francujo. Matene oni vizitis la urbon; intima kaj sukcesplena tagmanĝo kunigis la vizitantojn kaj okazis jubilea festo kun la helpo de la teatra sekcio de la Brusela grupo, kiu ludis esperantan teatraĵeton « La Komisaro estas bonulo »; partoprenis ankaŭ kelkaj geartistoj inter kiuj: F-inoj Boereboom el Bruĝo, Labyn el Gento, S-roj Cogen el Ninove, De Craecker kaj Mast el Gento. Dank'al ili ĉiuj la festo tre bone sukcesis. Meze de la festo okazis la jubilea parto. S-ro Advokato Groverman, prezidanto de la organiza komitato, pritraktis la historion de la grupo kaj speciale gratulis S-ron Petiau, membro-fondinto kaj gvidanto de la grupo de post ĝia fondiĝo. Okazis tiam tre kortuŝa manifestacio de simpatio al la jubileanto. S-ro Schoofs, je nomo de B.L.E. kaj de « Verda Stelo » kaj ankaŭ je la nomo de I.C.K., Konstanta Reprezentantaro kaj U.E.A., F-ino Thooris de la Bruĝa grupo, D-ro Van der Biest, de la Brusela grupo, S-ro Deman, vicdelegito de U.E.A. en Gento kaj S-ro Boone el Wattrelos (Francujo), kore gratulis S-ron Petiau al kiu ili donacis valorajn memoraĵojn.

F-ino Labyn, el Gento, legis la multnombrajn gratulajn telegramojn kaj leterojn kaj donacis belajn florojn al S-ino Petiau.

La jubileanto tre kortuŝita de tiuj pruvoj de simpatio dankis al ĉiuj kaj faris alvokon al konkordo kaj al praktika kunlaborado de ĉiuj por la sukceso de nia afero.

HASSELTO. — " **Hasselta Grupo Esperantista** ". — La kurso organizita de la grupo finiĝis la 27an de marto kun 12 fervoraj lernantoj, kiuj jam bone scipovas la lingvon. Je tiu okaze la grupo intime gratulis kaj dankis la tre estimatan F-inon Adamkova pro ĉio, kion ŝi faris por la Esperanto movado en la provinco kaj speciale en Hasselto. La lernantoj donis al ŝi florojn kaj memoraĵon kiel dankesprimon.

La kunveno de la 10a de Septembro 1930 de la Grupa-komitato pridiskutis la plej taŭgajn propagandilojn por la estonta kurso. Oni decidis 1°) aperigi artikolojn en la lokaj ĵurnaloj pri la malfermo de la kurso. 2°) sendi al bone konataj neesperantistaj amikoj la unuan lernolibron (Premier Manuel) kaj gazetojn kun la anonco de la kursmalfermo.

La 20an de Septembre 1930 okazis nova kunveno de la Grupa komitato. La artikoloj pri la malfermo de la kurso aperis franca- kaj flandralingve en la lokaj ĵurnaloj je 15a de sept. Ne sufiĉaj partoprenantoj aliĝinte, S-ro Prezidanto Nackaerts kaj S-ro Sekretario Van Genechten sin turnis al S-ro Antheunis, Prefekto de la Ateneo kaj al S-ino Persoons, Direktorino de la Knabina-ŝtatlernejo, por ke ili anoncu la malfermon de la kurso en la lernejoj, kaj tuj la nombro de aliĝintoj kreskis ĝis 40.

La 30an de Oktobro 1930 estis la malfermo de la kurso. 40 ĉeestantoj gelernantoj. Alparolado de la Prezidanto S-ro Nackaerts kaj de nia ŝatinda ĉeĥa samideanino Adamkova.

Kursgvidanto estis S-ro Van Genechten; kunhelpantino F-ino Janssens.

La 19an de novembro 1930 la grupo organizis prelegon kun montro de pli ol 100 lumbildoj pri Ĉeĥoslovakujo. Prelegantino F-ino Adamkova; ĉeestantoj almenaŭ 80. Gravan sukceson rikoltis nia simpatia samideanino.

KORTRIJK. — **La Esperantista Grupo** de tiu urbo organizis kurson, kiu komenciĝis la 6an de Novembro, enhavis 15 lecionojn kaj okazis en la granda salono de la urbodomo. Por ĝin propagandi inter la loĝantaro la grupo disdonis flugfolion kun trafaj argumentoj.

LIEĜO. — Por daŭrigi la propagandan laboron faritan en Lieĝo okaze de la belga Esperanto-kongreso de pasinta jaro, fondiĝis nova organizaĵo: **"Societo Lieĝa por la propagando de Esperanto"**, kiu kunigas la diversajn grupojn de la provinco por kunlabori por la disvastiĝo de nia lingvo en tiu regiono.

MORTSEL. — La loka grupo de la Sindikato de Komercaj kaj Industriaj oficistoj anoncis Esperanto-kurson inter la de si organizataj kursoj de lingvoj kaj aliaj oficejaj fakoj. La Katolika Rondo Esperantista tie ankaŭ bone laboras por la propagando de nia lingvo.

RONSO. — La grupo "**Paca Stelo**" organizis 4 ekskursojn dum la somero kaj okazigis dancvesperon la 3an de Septembro. La grupanoj kunvenas ĉiumerkrede; ili lernas kantojn kaj interparolas pri diversaj temoj por perfektiĝi en Esperanto. Nova kurso, anoncita per belaj afiŝoj, komenciĝis je la mezo de Oktobro. Por inaŭguri tiun novan kurson kaj ĝin propagandi S-ro Fr. Schoofs faris sukcesplenan paroladan flandra-lingve en la salonon « Concordia », la 8an de Oktobro. Ĉeestis okdeko da personoj, el kiuj multaj sin enskribis por la kurso, kiun gvidis S-ro G. De Boes, prezidanto de la grupo.

THIENEN. — **La Tienena Grupo** organizis ekzamenon pri simpla kapableco. La sukcesintoj ricevis senpagan vojaĝon ĉu al Antverpeno, ĉu al Lieĝo, por viziti la tieajn ekspoziciojn. La grupo povis doni tiun belan premion dank'al la malavareco de kelkaj honoraj membroj. La grupo daŭrigas la propagandan laboron sub la gvidado de S-ro Dewolfs, Sekretario de la grupo kaj Delegito ĉe la Belga Ligo.

# PROGRAMOJ DE LA GRUPOJ

ANTVERPENO. — "**La Verda Stelo**". — Kunvenejo « Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, avenue de France, ĉiusabate, 21 h.

4 Julio: Amuza vespero. Intima dancado.

11 Julio: Ĝenerala monata kunveno.

Dimanĉon, 12 Julio: Ekskurso al Villers-la-Ville per speciala aŭtobuso. Kunveno en « Witte Leeuw » 8 h. 30, foriro al Quatre-Bras, Villers-la-Ville (Abatejo), Genval, Waterloo (Panoramo), Arbaro Ter Kameren, Bruselo, Meĥleno, Antverpeno. Reveno inter la 22a kaj 23a h.

18 Julio :Esperantaj ludoj.

25 Julio: Legado de teatraĵo.

La kantlernada sekcio, gvidata de S-ro H. Boffejon regule ekzercadas ĉiusabate de la 20 h. ĝis la 20 h. 45 en la sekretariejo: Schoenmarkt, 16/1 Marché-aux-Souliers. La gemembroj estas petataj aliĝi al ĝi.

BRUSELO. — “ **Brusela Grupo Esperantista** ”. — Kunvenejo: « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde 20 h.

6 Julio: S-ino Spielfiedel kaj D-ro Kempeneers dialoge legos « Amo per proverboj », unuaktan teatraĵeton de A. Azevedo, tradukitan de A. Couto Fernandes. Poste: Parolata ĵurnalo.

13 Julio: S-ro Castel parolos pri « La Rabistoj de Chicago ». Poste: amuza vespero, societaj ludoj.

20 Julio: D-ro Kempeneers parolos « Pri Svedujo » (kun lumbildoj).

27 Julio: Ĝenerala kunsido. Propagandaj rimedoj. S-ro Pastuer raportos pri la libro « Hura! » de Baghy.

BRUĜO. — “ **Bruĝa Grupo Esperantista** ”. — Kunvenejo: « Oud Brugge », ĉiumarde je la 20a h.

7 Julio: Kanta vespero. Prezidos F-ino Boereboom.

14 Julio: Amuza proceso. Prezidos F-ino Thooris.

21 Julio: Nacia festo: kunveno ne okazos.

28 Julio: Parolado « Kelkaj ideoj pri Paco kaj Esperanto », de S-ro Poupeye.

RONSO. — “ **La Paca Stelo** ”. — Kunvenejo: Kafejo « Concordia », Statiestraat, merkrede, 20a h.

Tiu grupo organizos esperantistan ekspozicion la 26 kaj 27 de Julio, kun 2 standoj:

1e stando de ĉiaj esperantistaĵoj (komerca korespondado, ilustritaj poŝtkartoj, revuoj, verkoj de famkonataj aŭtoroj, turismo, stenografio, klasbatala sekcio, literaturo, k.t.p.

2e stando de blindaj Esperantistoj. Tiu stando certe estos vizitinda kaj interesa.

Por la ronsaj esperantistoj tiu ekspozicio havas duoblan intereson: ĝi estas plej bona propagando por diskonigi Esperanton en la urbo; oficiala subteno de urbestraro ĉefe kaj precipe dependas de la sukceso de la ekspozicio.

La Komitato faras do varman alvokon al ĉiuj geamikoj, ke ili vizitu ĝin kiom eble plej multnombre; la veno de aliurbanoj ĉefe estas dezirata. Helpu ankaŭ la organizantojn per sendo de poŝtkartoj, leteroj aŭ telegramoj de bonsukceso.

# BELGA GAZETARO KAJ ESPERANTO

Dum la lastaj monatoj de la pasinta jaro ni povis ĝoji pro la bona akcepto, kiun nia gazetaro — kiel kutime — faris al la komunikoj de niaj grupoj kaj de nia Liga Gazetara servo. Ne eble estas, ke ni donu detalan liston de ĉiuj artikoloj kaj komunikoj publikigitaj. Ni nur speciale notu, ke preskaŭ ĉiuj gazetoj citis en sia kroniko la belgan Esperanto-kongreson de Lieĝo kaj publikigis preskaŭ ĉiutage la korespondaĵon senditan el la Universala kongreso de Oxford.

Inter la fakaj organoj ni citu la gazeton de la Antverpena Policistaro « Ons Streven», kiu tute regule enhavis « Esperanto-Anguleton », kun bela speciala titolbildo desegnita de nia samideano Van der Auwera. Tute aparte estas citinda la infangazeto « Na de School » el Antverpeno, kiu publikigis bonegan Esperanto-kurson verkitan de nia amiko Willy De Schutter. Tiu kurso estas taŭge aranĝita por infanoj kun multnombraj ekzercoj metode aranĝitaj. Ni gratulas la verkinton kaj lian fraton Herman, la redaktoron de la gazeto « Na De School ».

---

# NIA FAMILIA KRONIKO

## GRATULOJ

Al **S-ro Sylvain Dervaux,** vicprezidanto pro honoro de la Bruĝa grupo, okaze de lia honorigo kiel kavaliro en la ordeno de Leopold (Aprilo 1930).

Al **F-ino Régine De Soete,** membrino de la Bruĝa Grupo, kiu edziniĝis kun S-ro de Cock, profesoro ĉe la Bruĝa Muzikkonservatorio (Junio 1930).

Al **F-ino Maria De Schepper,** membrino de la Bruĝa grupo, kiu edziniĝis kun S-ro D-ro Syoens, la 31an de Aŭgusto 1930.

Al **F-ino Marcelle Boerave,** membrino de la Bruĝa grupo, kiu edziniĝis kun S-ro Termote, la 4an de Novembro 1930.

Al **F-ino Albertine Kiere,** helpa sekretariino de la Bruĝa grupo, kiu edziniĝis kun pola samideano S-ro Golachowski, inĝeniero el Lida, la 26an de Decembro 1930 kaj kiu transloĝis al Lida (Polujo).

Al **F-ino Andrée Gathy,** esperantistino el Mons, kaj al **S-ro Joseph Hérion,** Prezidanto de la Esperantista Grupo de Verviers, kiuj fianĉiĝis la 25an de Januaro 1931.

---

## NEKROLOGO

Ni prezentas niajn sincerajn kondolencojn :

Al **Gesinjoroj Georges Vanderkerken-Opsomer,** membro de « Paca Stelo », el Ronso, pro la morto de ilia fileto apenaŭ 3-jara Roland-Georges-Jules, la 1an de Januaro 1931.

Al **Familio Fichefet,** el Ostendo, pro la morto de S-ro Nestor Fichefet, ano de la Bruĝa Grupo (Januaro1931).

Al **S-ro Robert De Kegel,** membro de nia Ligo kaj Delegito de U.E.A. en Aalst, pro la morto de lia patro S-ro Auguste De Kegel, la 6an de Marto 1931.

Al **S-ino V-ino Van den Branden-Vercammen,** pro la morto de S-ro Jozef Pieter Van den Branden, membro de « La Verda Stelo », Antverpeno, kaj unu el la plej sindonaj kunlaborantoj en la organizo de la 20a kongreso universala de Esperanto en 1928. Li mortis la 19an de Marto 1931.

---

# 23a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Krakovo, 1-8 Aŭgusto 1931**

**Adreso:** Lubicz 34, Krakovo, Pollando.

**Kotizo:** Zl. 44,—; infanoj ĝis 14 jaroj Zl. 11; helpkongresanoj (kiuj ne partoprenas sed ricevas ĉiujn dokumentojn) Zl. 22. Blinduloj ne pagas.

**Pagmaniero:** Por la belgaj partoprenontoj la plej oportuna pagmaniero estas pere de Pola Poŝtŝparkaso al konto: 23 Univ. Kongreso de E., Krakow, Nr. 410.975. Senpera transpago estas ebla el Belgujo.

**Kongresmarko** trikolora: prezo Zl. 1. por folio kun 28 markoj.

**Ilustritaj poŝtkartoj de Krakovo:** Albumo kun 8 kartoj: Zl. 1,—.

**Loĝado:** Hoteloj Kategorio A unulita Zl. 15-18,50; dulita Zl. 25-34; Kategorio B: unulita Zl. 10-14,50; dulita Zl. 18-24; Kategorio C: unulita Zl. 8-9; dulita Zl. 13-17; Kategorie D: unulita Zl. 6; dulita Zl. 11,50. Privataj loĝejoj: Zl. 8, 7, 6, 5.

**Manĝo:** matenmanĝo Zl. 1-1,50; tag- kaj vespermanĝo: Zl. 2-3.

**Pasporto:** Ĉiu kongresano devas posedi pasporton.

**Pola vizo:** en ĉiuj landoj senpaga.

**Fervoja rabato:** En Polujo 50 % da rabato en ĉiuj direktoj dum tri semajnoj. Belgoj kaj fremdaj kongresanoj trapasantaj Belgujon ricevos rabaton de 35 % de kiu ajn belga stacio al Hergenrath (de 23-7) kaj por la reveno, de tiu stacio al kiu ajn belga stacio (ĝis 31-8). Ankaŭ 30 % da rabato por la irrevenbileto sur la ŝipo Dover-Ostendo. Por akiri tiun rabaton oni sin turnu al Belga Ligo Esperantista, 11, Kleine Hondstraat, Antverpeno. Francaj fervojoj same konsentis rabaton de 50 %; interesatoj sin turnu al S-ro P. Petit, 59, rue de Neuilly, Rosny s/Bois.

**Provizora programo:** 1 Aŭg.: 17 h. Malfermo de la Kongreso; Interkonatiĝa vespero. 2 Aŭg.: Diservoj; Manifestado tra la urbo, fotografado; Ekskurso al Ojcow (aŭtobuse). 3 Aŭg.: Laborkunsido; koncerto en korto de kastelo Wawel. 4 Aŭg.: Kunsidoj; Ekskurso ŝipe aŭ aŭtobuse al Tyniec; Operludado. 5 Aŭg.: Kunsidoj; kostumbalo. 6 Aŭg.: Kunsidoj; Teatro aŭ koncerto. 7 Aŭg.: Kunsidoj; Ekskurso al salminejo Wieliczka; Kabareda vespero. 8 Aŭg.: Fermo de la Kongreso; posttagmeze forveturo al Varsovio, Bialistoko, k.t.p.

**Oratora konkurso** okazos antaŭ speciala juĝantaro.

**Somera Universitato:** kun temo « Turismo ». Jam 5 prelegontoj estas anoncitaj.

**Fakkunvenoj** ĝis nun anoncitaj: Scienca Asocio, Tutmonda Kuracista Asocio, Oficistoj de poŝto kaj telegrafo, Geinstruistoj, Vegetaranoj, Literatura Mondo, Studentaro, Paneŭropo, Pacifistoj, Blinduloj, Heroldo de Esperanto, Interniaro, Oomoto, Bahaanoj, Stenografiistoj.

**Karavanoj:** Estas aoncitaj karavanoj el Berlin, Beograd, Budapest, Danzig, Milano, Parizo, Stockholm.

**Grava peto:** Ĉiuj aliĝantoj kaj korespondantoj estas petataj skribi nomon kaj adreson tre legeble kaj ĉiam ripeti la adreson.

---

**Lumbildparolado pri urbo Karlsbad** estos farata de S-ro Inĝ. Schneider. Interesuloj petu prospekton kaj vojaĝprogramon al la parolonto, Komerca Akademio, Karlsbad (Ĉeĥoslovakujo).

**Inaŭguro de Zamenhof-Monumento en banloko Reinerz,** starigota sur la « placo de Esperanto ». La Silezia Ligo Esperantista invitas al partopreno en tiu solenaĵo la revenontojn el Krakovo. Petu informojn de S-ro K. Kliem, Klanstrasse 3, Loewenberg i/Schles.

**Antaŭkongreso en Berlino** okazos dum la lastaj tagoj de Julio. Kotizo Mk. 3,—. Petu informojn de Esperanto-Verband, Johanna Stegen Str. 14/III, Berlin-Steglitz.

**Pedagogia Kurso de Esperanto de p-ro Ĉe en Krakow.** — La nunjara Internacia Pedagogia kurso de Esperanto okazos antaŭ la Universala Kongreso de Esperanto en Krakow. La kurso daŭros de 20 Julio ĝis 1 Aŭg. La kurso celas diskonigi metodon de pastro Ĉe kaj kapabligi instrui Esperanton. Plej volonte estos vidataj profesiaj instruistoj kaj personoj jam instruantaj Esperanton. Cetere oni akceptos al la kurso ĉiujn sinanoncontojn.

Kotizo estas 20 zlotoj. Oni sendu ĝin laŭ la adreso de Universala Kongreso de Esperanto indikante la celon.

**Internacia Postkongreso Esperantista.** — Varsovio: 9-11 Aŭg. 1931. — La programo antaŭvidas: Fikson de memortabulo en la domo kie loĝis la majstro, nuna strato Zamenhofa n-ro 9, kaj saman ĉe domo en strato Hoza 40 honore je verkisto Antoni Grabowski. Donacoj por tiu celo estas danke akceptataj. Solenaĵo sur la tombo de la Majstro. Gvidado kaj klarigado de la vidindaĵoj de l'urbo.

La Internacia Centra Komitato en Ĝenevo oficialigis tiun Postkongreson.

La kotizo estas ok zlotoj t.e. kvin Frankoj svisaj. Ĉiujn informojn petu de Internacia Postkongreso, Str. Widok 19 Warszawa. Pola poŝtĉeka konto: 25390 pere de S-ro Jozef Litauer.

**Postkongreso en Budapest 1931.** — Hungarlanda Esperanto-Societo kaj la Hungarlanda Katolika Esperanto Societo, aranĝos tritagan postkongreson en Aŭgusto kaj unutagan ekskurson al la bela lago Balaton. Sciigu, ĉu vin interesas la afero? Esperanto Poŝtkongreso, Dohâny-utca 76, Budapest, VII.

**Antaŭkongreso en Breslaŭ.** — La magistrato kaj samideanaro de Breslaŭ invitas la kongresanojn halti dum unu aŭ du tagoj en sia bela kaj interesa urbo. Ili starigis programon por la 31 Julio kaj 1 Aŭg. La kotizo estas Mk. 3,—. Adreso: Siegmund Freund, Blücherplatz, 4, Breslaŭ.

# ESPERANTO EN RADIO-BELGIQUE

La 31an de januaro 1931 malaperis la privata societo « Radio-Belgique » por lasi sian lokon al la duon-oficiala societo « Nacia Belga Instituto por Radio-disaŭdigo » (mallonge I.N.R. aŭ N.R.I.).

La momento ŝajnis al ni taŭga por fari la bilancon de la aktiveco de Radio-Belgique sur la poresperanta kampo.

Estrata de personoj, emaj kompreni la necesojn de l'tago, Radio-Belgique rapide sentis la gravecon de Esperanto sur tiu nova kampo de la homa tekniko. Kaj, mallonge post la decidoj de la Internacia Unio de Radiofonio favoraj al Esperanto, Radio-Belgique kaj Belga Ligo Esperantista ekinterrilatis por aranĝi disaŭdigon de esperanto-kursoj.

La unua okazis komence de 15-1-1927. Dekdu lecionoj estis dissendataj, franclingve de Radio-Belgique, kaj samtempe dekdu, flandralingve, de la tiam en Antverpeno ekzistanta radio-stacio « Radio-Zoologie », branĉo de Radio-Belgique.

Tiu kurso estis granda sukceso, laŭ la nombro de venditaj lernolibroj. Provizo sufiĉe grava estis forvendita en kelkaj tagoj, kaj la kurso devis esti prokrastata dum du semajnoj, ĝis la librejo povis broŝurigi novan kvanton da lernolibroj... Kiaj teruraj horoj vivis niaj samideanoj de Belga Esperanto-Instituto en Antverpeno, kaj la libristo de Bruselo, vidantaj sian oficejon sieĝata de la amaso!

Tamen, fine, ĉio enordiĝis, kaj la kurso iris ĝis la fino, kun granda sukceso.

Tiu provo plifirmigis la estraron de la stacio en sian fidon al Esperanto; kaj kiam ni sciigis al ĝi pri la vizito en Bruselo de D-ro Edm. Privat, Prezidanto de Radio-Genève, kaj tiam prezidanto de I. C. K. ĝi tuj proponis intervjui lin antaŭ la mikrofono. Li parolis pri Esperanto, speciale sur la radio-kampo, kaj finis per kelkaj vortoj en Esperanto (3an de junio 1927). Iom poste venis al Bruselo D-ro Hasime Asada, el Nagasaki. Lin ankaŭ ni prezentis al Radio-Belgique kaj, dum la Parolata-Jurnalo, post kelkaj enkondukaj vortoj, D-ro Asada legis esperantan saluton al la belgaj aŭskultantoj kaj finis per kelkaj japanlingvaj vortoj. (12an de septembro 1927.)

Tiam la stacio decidis plian paŝon antaŭen: interkonsente kun Belga Ligo Esperantista, ĝi decidis dissendi ĉiusemajne mallongan parloladeton en Esperanto, por konigi al la esperantistaj aŭskultantoj la diversajn gravajn punktojn de la venontaj programoj. Tiuj disaŭdigoj komencis la 26an de septembro 1927, ni tuj diru, ke ili okazis regule, unue ĉiun lundon, ĝis la 31a de aŭgusto 1928, poste ĉiun sabaton de la 1a de oktobro 1928 ĝis la 31a de januaro 1931; kiam « Radio-Belgique » malaperis, ni kalkulis ke, entute, tiuj ĉiusemajnaj esperanto-disaŭdigoj estis dissendataj 163 foje.

Intertempe aliaj kursoj estis dissendataj. 2a kurso, konsistanta el 11 franc-lingvaj, kaj 11 flandralingvaj lecionoj, komence de 14-12-27; 3a kurso, laŭ sama aranĝo, komence de 21-11-28; 4a kurso, komence de 16-10-29; kaj 5a kurso, komence de 8-10-30.

Ĉiuj tiuj kursoj estis dissendataj paralele en franca kaj en flandra lingvoj, laŭ deziro de Belga Ligo Esperantista.

Tiuj 5 esperanto-kursoj okazigis do kune 112 disaŭdigojn.

Intertempe, S-ro I. Krestanoff, vizitante Belgujon, haltis antaŭ la mikrofono de la stacio kaj estis intervjuata pri siaj vojaĝoj kaj spertoj pri Esperanto; li ankaŭ finis per saluto en Esperanto (16an de decembro 1928).

Plej interesa parto de nia laboro okazis dum la vintro 1928-29. Tiam Radio-Belgique eksperimentis pli potencan disaŭdigilon, kiu anstataŭ ol per 1 1/2 kilovato, funkcius per 7 kilovatoj.

Pluraj lecionoj de la tiam okazanta kurso, kaj la regulaj ĉiusemajnaj disaŭdigoj estis dissendataj per forta dissendpotenco. Kaj ofte ni havis la grandan plezuron ricevi korespondaĵojn el eksterlando, mome el Estonujo, Svedujo, Italujo, Hungarujo, Germanujo, Britujo, Francujo, Nederlando, k.t.p. Estis por ni ĉiam nova ĝojo enmanigi al la Estraro de Radio-Belgique la atestojn, ke parolado en Esperanto estis aŭskultata ĉie en Eŭropo, kaj eĉ sur ŝipoj vojaĝantaj surmare.

Tute konvinkita, ĝi petis de ni traduki kaj legi antaŭ la mikrofono esperantan propagandan paroladon pri Belgujo adresitan al la eksterlandaj geaŭskultantoj. Tiu dissendo okazis la 22an de aprilo 1929, kaj daŭris 1/4 horon; ĝi vekis grandan intereson inter la esperantistoj: tion pruvis la korrespondaĵoj ricevitaj je tiu okazo.

Bedaŭrinde, iom poste, Radio-Belgique reprenis sian antaŭan dissendpotencon — 1 kilovaton! — kaj ni perdis la eblecon esti aŭskultataj de malproksime. Ni do preferis ne uzi niajn dissendeblecojn por paroladoj en Esperanto, kaj precipe klopodis interesi la enlandan publikon al nia afero; tiucele, laŭ propono de la Estraro de Radio-Belgique, ni disaŭdigis memorige pri la naskiĝdato de D-ro Zamenhof, franclingvan paroladon pri li kaj melodiojn en Esperanto. (17an de decembro 1929).

Kunkalkulante la dissendojn pri aŭ per esperanto ĉe Radio-Belgique ni ricevas la sekvantajn ciferojn :

Ĉiusemajnaj dissendoj : 163; Kursoj: 112; Intervjuoj: 3; Parolado pri Belgujo: 1; Memorfesto Zamenhof: 1. Entute: 280.

Publikigante tiun bilancon mi devas aldoni ke ni persone, kaj la tuta esperantistaro ŝuldas sinceran dankon al S-ro Van Soust de Borkenfeld, direktoro de Radio-Belgique, al S-ro Fleischman, estro de la parolataj dissendoj, kaj al la redaktoroj de la parolata ĵurnalo de Radio-Belgique, S-roj Guery, Bouckaert kaj Fontaine, pro ilia simpatio kaj helpemo. Dank'al ili, ni povis fari bonan laboron en Radio-Belgique. Eble dank'al tiuj el ili, kiuj daŭrigas nun sian taskon en la Nacia Instituto por Radiodisaŭdigo, ni estonte povos ankoraŭ multon fari. Kaj pro tio, ni instigas la aŭskultantojn de la du belgaj naciaj stacioj, ke ili petu la daŭrigon de la Esperantista aktiveco.

D-ro P. KEMPENEERS.

---

## SE MI ESTUS MINISTRO DE L'PUBLIKA INSTRUADO

La fame konata profesoro Charles Richet publikigis libron « La Ora Epoko kaj la Epoko de l'Oro », en kiu li, per viglega peniko, pentras la bildon de la nuntempa socio, en kiu la oro estas mastro. Poste li indikas la reformojn, kiuj

estus taŭge farotaj por alproksimigi epokon pli feliĉan : La Ora Epoko. Ĉapitro estas dediĉita al Esperanto. De tiu ĉapitro ni ekstraktas la sekvantajn liniojn :

« Kiam oni parolas pri lingvo internacia, universala kaj unueca, Esperanto, la seriozaj homoj « tordiĝas » — mi uzas la modernan ĵargonon, kiu estas laŭmoda ĉe tiuj, kiuj mokridas — kaj ili havas eksterordinaran respondon :

— Ho ! Ho ! Esperanto !

Tio estas la tuta forto de ilia argumentado. Vane oni diras al ili, ke ĝi estas lingvo simpla, fleksebla, facile lernebla, ankoraŭ pli facile komprenebla.

— Ho ! Ho ! Esperanto !

Lingvo, kiun ĉiuj personoj kulturitaj aŭ nekulturitaj en Eŭropo povus kompreni, legi skribi post trimonata studo.

— Ho ! Ho ! Esperanto !

Kaj ili povas nenion pli bonan respondi.

Se per hazardo de freneza neprobableco, multe pli ĥimera ol ĉio, kion mi skribas en ĉi-tiu libro, mi fariĝus ministro de l'Publika Instruado, unu el miaj unuaj zorgoj estus proponi al ĉiuj miaj eksterlandaj kolegoj, ministroj kiel mi, en Italujo, Anglujo, Belgujo, Hispanujo, Germanlando kaj Nederlando la devigan organizon de instruado trimonata de Esperanto, jes nur de tri monatoj por la junuloj (knaboj kaj knabinoj) 16 jaraj. Je fino de tiuj tri monatoj, internacia komisiono traveturus Eŭropon disdonante valorajn premiojn al la profesoroj kaj lernantoj, kiuj plej bone sukcesis.

Koregaj leteroj inter tiuj junaj esperantistoj de ĉiuj landoj estus akcelataj. Same kunvenoj, kie la internacia spirito dank'al la unueco de la lingvo trovus sian plej noblan disvolviĝecon. Ĉio tio ne estas tre komplika. Necesus nur peti de la plenkreskontoj tre malgrandan klopodon. Unu horon ĉiutage dum tri monatoj, ne peti, sed postuli, samkiel oni postulas la latinon kaj la matematikon. Tio signifus ebligi la konversacion sen malfacileco kun ĉiuj enloĝantoj de Eŭropo, ĉu Bulgaroj, ĉu Finlandanoj.

Mi neniam estos ministro de l'Publika Instruado, sed kial juna, inteligenta ministro misatentanta la rimarkon (Ho ! Ho ! Esperanto !) ne prenus tiun-ĉi decidon tiom facilan? Mi estas certa, ke li trovus en multaj landoj de Eŭropo fortan apogon. Charles RICHET, membro de « Institut de France ».

## MORTIGA ĈIRKAŬPRENO

de Pierre BUSSIERE.

Hampelsfort, unu el la plej gravaj sanigejoj en Engadine, desegniĝas alta kaj gracia sur la senmakula neĝtavolo de sia ĉirkaŭaĵo. La interno de tiu granda konstruaĵo kun ĝiaj blankkalkumitaj muroj, elmontras tiun saman aspekton, kiun oni de ekstere supozis : malvarman kaj impresigan. La viv-maniero tie estas simpla. Vivo de homoj, kiuj konas nek ĝojon nek laboron, kiuj nur bezonas pensi al la dieto ordonita al ili.

Inter la plej junaj malsanuloj de Hampelsfort troviĝas Danielo Hamont kaj Jakelino Fortier, ambaŭ suferantaj de la perfidema ftizo, kaj en la unua fazo de sia malsano.

Jakelino estis filino de lerta lingnogravuristo en la Ardenoj, kaj estis heredinta iom da ties talento.

Danielo, kontraŭe, apartenis al riĉa kaj eminenta familio en Parizo. Liaj gepatroj posedis ĉion por esti senfine feliĉaj, sed ili estis tre elprovitaj de la nekompatema sorto. Ĉiu materia avantaĝo, kiun donas granda fortuno, konstanta restado en saniga regiono, kaj ĉiuj la seninterrompaj zorgoj efikis nenion al lia malforta stato. Alkutimigita al ĉiuj tiuj am-elmontroj depost sia infaneco, la junulo fariĝis egoista kaj li maldolĉigis al siaj gepatroj la vivon per sia ĵaluzema karaktero.

Kiel novuloj, kaj havante la saman aĝon, ili baldaŭ fariĝis bonegaj geamikoj. Iliaj multaj promenadoj tra la bele neĝumitaj pejzaĝoj ankoraŭ pli proksimigis unu al alia. Amoro restis tamen esceptita ĉar Jakelino konfesis al li sian fianĉiniĝon al lernanto de ŝia patro. Ĉiun tagon ŝi gaje rakontis al li siajn estonto-projektojn, infane fidanta kaj naiva, tiel ke ŝi ne rimarkis, ke envio loĝas en lia koro. Li mem neniam faris estontoprojektojn, ĉar li scias sin kondamnita, kaj nun, kiam efektive estis en lia vivo iu, kiun li amis per sia tuta dezireganta animo, li devis silenti kaj ridetante aŭskulti ŝian gajan babiladon. Amare li rememoris la feliĉan por li tempon, kiam ŝi, alforĝita al sia lito, pene povis spiradi, kaj nun la kuracisto certigis, ke venkos ŝiaj forta stato kaj juneco. Sub la influo de Jakelino li estis fariĝinta pli bona, pli nobla, kaj en ŝia ĉeesto li povis repaciĝi kun la homoj kaj la blindaj vojoj de l' sorto.

II.

La sekvantan matenon estis forte neĝinta.

Jam tre frue Jakelino eliris por sia kutima matena promenado kaj amuziĝis farante neĝbulojn. Kiam Danielo iom poste alvenis ĉe ŝi, ŝi salutis lin per ĝojkriado kaj faris geston kvazaŭ ŝi ĵetos. En sia malsaĝa fiereco ŝi ridis pro lia tremeto, kiam li vidis ŝin knedi tiun glacian neĝon. Kun helruĝa pro penado vizaĝkoloro kaj helbrilaj okuloj, ŝi amasigis grandajn kvantojn da neĝo, kiuj per ŝiaj lertaj fingroj estis rapide aliformataj ĝis homa figuro. Tiu al li tute nekonata laboro interesis al Danielo kaj atente li rigardis... Sian tutan talenton ŝi metis en tiun marmorblankan amason, el kiu ŝi nelacigeble knedis gracian knabinfiguron. Post mallonga tempo aperis el tiu blanka neĝamaso belega figuro, la brakoj krucigitaj sur la brusto kaj la kapo iomete dorsen fleksita kun nekomparebla esprimo de ekstazo ĉirkaŭ la buŝo. Senkonscie Jakelino estis doninta al tiu statuo siajn trajtojn, eĉ pli: sian esprimon! Danielo staris admiregante.

— Oni dirus, Lino, ke vi skulptis vin mem kaj ke viaj lipoj serĉas la savoportantan montaeron, kiu estas fonto de vivo por ni ambaŭ.

Ŝi ridetis kaj malantaŭeniris kelkajn paŝojn por ekzameni sian verkon. Tie-ĉi kaj tie ŝi faris kelkajn malgrandajn korektojn, kaj tiam rigardis kun plezuro sian bildon.

— Estas mia samulino, diris ŝi ridante.

En tiu lando la neĝo rapide malmoliĝas, kaj unu frostega nokto sufiĉis por igi la bildon solida kiel marmoro.

— Kiam mi estos for, ofte diris Jakelino al Danielo, tiu blanka bildo rememorigos vin pri mi.

— Mi ne povas kredi, Lino, ke vi foriros, kaj estis preskaŭ forgesinta, murmuris la junulo, kaj por li mem li malĝoje pensis: « Kaj mi restos ĉi-tie; en tiu domo kie preskaŭ ĉiuj portas la signon de baldaŭa morto. Mi restos ĉi tie por daŭrigi mian mizeran vivon senigitan je ĉiu konsolo kaj ĝojo, dum ŝi estos baldaŭ forgesinta tiujn malfacilajn monatojn de malsano.

Je tiu momento li malamis per sia tuta energio la sanan, fortan homon, kiu forrabis de li lian ĉion.

La saman tagon, je la vesperiĝo, ili kuŝis ambaŭ sur siaj korbseĝoj antaŭ la verando. Jakelino skribis en sian notlibreton. Danielo legis verkon de rusa verkisto, kaj provis proprigi al si ties melankoliajn ideojn, por hardiĝi kontraŭ sia senespera amo. Mallaŭta brueto atingis lian orelon, kaj igis lin turni la kapon. Jakelino estis ekdorminta kaj estis lasinta fali sian libreton. Dua movo ŝia nudigis la kolon. Frenezan deziron li eksentis por ĉirkaŭbraki ŝin kaj... sed ne, tio nur rompus ilian amikecon, li ne rajtis.

Je tiu horo de l' tago, la temperaturo konsiderinde malvarmiĝis kaj estis danĝere por ŝi tiele kuŝi. Danielo leviĝis por kovri ŝin, sed je la momento de la agado subita ideo paralizis lian unuan impulson.

— Se ŝi nun iom malvarmetiĝus ŝia foriro estus prokrastota kaj la feliĉa fianĉo, kiun li pro lia feliĉo malamis, ŝin atendus vane.

La suno malaperis en belega apoteozo de kolordiverseco. Vento ekblovis kaj tremigis lin kiel ĉe vekiĝo el terura sonĝo.

Kiel longe li estis hezitinta? Subite li decidiĝis kaj kovris ŝin varmege. Lia movo vekis ŝin el ŝia dormeto kaj per dolĉa rideto ŝi dankis lin pro lia zorgemo.

La sekvantan matenon ŝi sciigis lin pere de sia flegistino, ke ŝi estas malvarmuminta kaj, sekve, ne povos akompani lin dum lia promeno. La morgaŭon li eksciis, pleje maltrankvila, ke ŝi havas febron kaj seninterrompe deliras.

Tagoj noktiĝis kaj noktoj tagiĝis sed pro la minacanta morto plu ne estis limoj inter ili; estis unu longa timiga nokto. Ŝajnis al li, ke la sorto perfidis lin kaj troe efektivigis liajn dezirojn kiel mallerta kunkulpulo.

La sesan tagon montriĝis pulminflamo, kiu ne lasis eĉ la plej malgrandan esperon. Danielo vagadis kiel frenezulo tra la longaj, dezertaj koridoroj kaj ĉambroj, kie la lacaj malsanuloj dormetis sur siaj kuŝoseĝoj. Li kuris malespere en la vastajn pinarbarojn kaj elploris tie sian senpovan ĉagrenon. Revenante li rimarkis la neĝbildon de Jakelino. Tremo lin kaptis kaj kun krio de abomeno li forkuris de ŝia bildo. Laca kaj melankolia li revenis nur je la noktiĝo kaj tiam li sciiĝis ke lia karulino eniris la eternan dormon. Konsumata de nepriskribebla malespero li pasigis la plej terurajn horojn de sia vivo. Li provis konvinki sin mem pri sia senkulpeco, sed ŝajnis ĉiam kvazaŭ li aŭdas mokan « mea culpa » (per mia kulpo). Meze en la nokto li leviĝis de sia kuŝejo. Nekontraŭstarebla impulso puŝis lin al la neĝbildo, ekstere, kiu nun estis nek pli malvarma nek pli pala ol la kara mortintino. Li tute ne regis siajn farojn kaj agis maŝine. Li estis preskaŭ mirigita, kiam li subite staris ĉe la neĝbildo. Li rigardis ĝin kelkan tempon kaj tiam kurbiĝis sur la fermitan buŝon kvazaŭ por peti pardonon. De tiu momento li kredis sin ludilo de teruriga ĥimero. La du brakoj de la statuo rompis sian senmovecon kaj ĉirkaŭprenis lin ĉe kolo kaj

talio. Li estis kvazaŭ ĉirkaŭpremata per glacia zono, kaj ŝajnis al li ke la suprenlevita vizaĝo forturnis sin por kaŝi sian misteran esprimon. La nokto kovris tiun tragedian paron per siaj nigra profundeco kaj misteraj sonoj. Kun sia vizaĝo premata sur tiu glacia brusto en kiu ne koro batis, Danielo sentis la bildon malrapide fandiĝi sub la varmo de lia korpo, plenigante lin per morta malvarmo. La brako ĉirkaŭ lia kolo eĉ ne unu momenton plimalfermigis sian premon, kaj tamen fluis glacie malvarma akvostrio laŭlonge de lia dorso.

La flegistoj de la sanigejoj lin trovis la sekvantan matenon sur senforma neĝamaso kiun li konvulsie ĉirkaŭpremis. Oni enlitigis lin kaj faris ĉion eblan por lin rekonsciigi. Li estis plej bone flegata kaj fine vekiĝis delirante. Lia korpo brulis pro febro, liaj haroj estis malsekaj pro ŝvito kaj li ĉiam ankoraŭ sentis tiun mortan tremon en la dorso. Neniam oni eksciis, kiel precize okazis la afero, ĉar el la mulmultaj de li dum lia febro diritaj vortoj oni ne povis teksi interligitan rakonton.

La doktoro senespere faris pluan klopodon por savi lian vivon. Sed Danielo mallaŭte murmuris :

— Lasu min, doktoro, lasu min ! Ĵakelino vokas min... kaj... postulas... rebonigon.

Estis liaj lastaj vortoj !

El la flandra lingvo tradukis H. BOFFEJON.

# PARTETO DE GENT'A VIVO

de Lodewijk DE VRIESE.

## NIA PUKĈJO

Ju pli mi konas la homojn
des pli mi amas mian hundon (Pascal)

Tio estis en la komenciĝo de l'mondmilito, antaŭ 15 jaroj proksimume. Trankvile kaj time la besteto sin kaŝis en angulo de l' koridoro.

— « Enlasu tiun mizeruleton », diris mia dommastrino, bona animo, kies okuloj jam malsekiĝis ; « Oni ne pelus eĉ hundon sur la straton », estas precize la okazo por tiel paroli ».

Ĝi aspektis laca, senfortikigita, mizera.

Kiam mi ĝin enlasis, ĝi rigardis min tiel petege per siaj petolaj, inteligentaj okuletoj, ĝi ekstaris tiel gracie sur siaj malantaŭaj piedetoj, ke estus estinta kruele reĵeti la mizeran vojperdintan beston sur la straton.

Ĝi estis tuj enlasata en la kuirejon kaj ricevis panon kaj viandon : ĝi manĝis ĝis ventropleniĝo ; la besteto ŝajnis malsatega.

La vojperdinteto estis retrovinta novan hejmon.

Puk — tiel ĝi estis nombaptita — estas peĉonigra « schipperken ». Ĝi havas delikatan, brilan silkecan felon, rektstarantajn oreletojn kaj belan plumvoston. Ĝi fariĝis vere bela hundeto. Kaj dankema !

Ĝi penas, per ĉiuspecaj karesoj — ĝi ne estas avara je ili — montri sian dankemon. Neniu homo povus tion pli bone diri, pli bone pruvi, ol tiu eta, senparola besto.

Kiam estas parolate pri « akompani mastron » (ho, tiujn sorĉajn vortojn ĝi tiel bone komprenas!) tiam ĝi aŭskultas atente, tenante sian beletan kapeton iom oblikve klinitan, tiam ĝi pintrektigas siajn oreletojn, ĝia plumvosto rekstariĝas kiel kandelo, ĝiaj okuletoj ekbrilas, ĝi laŭte bojas, ĝi eksaltas ĝoje ĉiuflanken!

Kia grandega ĝojo!

Kvankam ĝi estas nur hundo, Puk tamen konas la valoron de l'dolĉa libereco!

Ĝi fariĝas mia ne forlasebla kunulo.

Frumatene ĝi venas veki min; vespere ĝi dolĉe ripozas sur miaj genuoj kaj lekas karese miajn manojn dum mi legas.

En mia laborĉambro ĝi trovas oportunan varman loketon sur la malnova apogseĝo; ĝi trankvile tie dormas dum mi skribas.

Ĉe la tablo ĝi ricevas bonajn manĝeretojn el mia mano. Ĝi sekvas min ĉien: malsupren, supren, internen, eksteren; ĝi estas ekzemplo pri amo kaj fideleco.

Hundamo, hundfideleco... : neniam sufiĉe prikantitaj, neniam sufiĉe laŭditaj virtoj!

Mi tion lernas de mia eta, aminda Pukĉjo: la hundo estas kaj restas la plej bona amiko de l'homo!

Tion mi jam skribis en la unua eldono de « Mia promenadeto ĉirkaŭ Gento » kiu aperis en 1917, meze en la sovaĝa mondmilito.

De tiam multe da akvo fluis tra la maro.

La « mastro » fariĝis maljunega « patreto », okdekjara kaj tutblinda, kiu en malgaja soleco sidas pensante pri pli bonaj tagoj. Multo ŝanĝiĝis, multego; la mondo returniĝis! Miloj da homoj malaperis, inter la plej bonaj.

Sed io ne ŝanĝiĝis, io restis: la fidela Pukĉjo ĉiam sidas sur sia loketo; ĝi gardostaras ĉiam por sia « mastro ». Sed nun ĝi ne plu estas la vivoplena hundeto, kiu de l'mateno ĝis vespero rapide kuris kaj rekuris, fortika kaj vivplena kiel leporeto, kun inteligentaj okuloj kaj brila nigra felo.

Ĝiaj piedetoj farigis rigidaj; ĝiaj haroj grizigis, ĝia barbeto blankiĝis kaj, ho, ve, ĝi perdis unu el la okuletoj kaj la alia estas minacata je sama sorto. La besteto blindiĝos kiel ĝia mastro. Sed ĝi nin ankoraŭ karesas kun la sama amo; ĝi ankoraŭ kuŝas fidele sur miaj genuoj; ĝi ankoraŭ ricevas bongustajn manĝeretojn. Pro dankemo ĝi lekas miajn manojn. Ĝi ŝategas sukeraĵojn: tiam ĝi estas gaja kaj bonhumora kaj ni ricevas leketon sur nia nazo!

« La bestoj havas animon, » ie diris granda verkisto; ili komprenas la homan lingvon, kaj, kredu ĝin aŭ ne, sed Pukĉjo komprenas ĉion, kion mi diras. Post dekkvinjara fidela, kvazaŭ familia kunvivado, tio ja devas mirigi neniun. Ni povas ripeti ĉi-tie la popolan esprimon « Mankas al ĝi nur la parolpovon ».

Bedaŭrinda Pukĉjo!

Ĝi estas la konsolo de mia maljuna aĝo, la kunulo de miaj lastaj vivjaroj. Laŭ la glora franca scienculo Pascal, mi diras tute sincere: « Ju pli mi konas la mondon, des pli mi amas mian Pukĉjon! »
(Majo 1929). Tradukis L. COGEN.

---

**Noto de la tradukinto.** — Lodewijk De Vriese naskiĝis en Gent la 8an de Oktobro 1848. Pasintan jaron li vigle festis sian 80an datrevenon! Li estis ĵurnalisto kaj, ege amante sian naskiĝurbon kaj ties loĝantojn kaj kutimojn, li multe klopodis por sukcesigi ĉion kio povis vivigi kaj diskonigi la urbon, kaj, inter aliaj, la grandan « provincan » ekspozicion de 1899 kaj la gloran universalan ekspozicion de 1913. Li eldonis je tiuj du okazoj la du dulingvajn revuojn « Gent Voorwaarts ». (Gento antaŭn) (1898-1899) kaj « Gent 20a jarcento » (1910-1914). Sed li ĉefe fariĝis « la » folklora rakontisto de l'kutimoj, de l'esprimoj, de l'konataj « tipoj » de sia amata urbo. Li diskonigis ilin en gajaj, humor- kaj sukplenaj rakontoj kunigitaj en diversaj libroj, inter kiuj ni citu: « Luimige brokken » — 1870, (Petolaĵeroj), « Gentsche spreekwoorden en spreekwijzen » — 1883, (Gentaj proverboj kaj esprimmanieroj), « Een wandelingske in 't ronde van Gent » — 1917 (Promenadeto ĉirkaŭ Gento), « Onder de wekkeringhe » — 1925 (Sub la sonorilaro), kaj « Onder de Draeke » — 1928 (Sub la drako - kiu, brile orumita, kronas, jam de multaj jarcentoj, la pinton de la belfrido).

La ĵus legita kortuŝa rakonteto pri Pukĉjo elfluis la plumon de l' multjara, honorinda folkloristo: ĝi aperis en la « Gazette van Gent ». L. C.

---

# NIA PROGRESADO

LA POSTO KAJ ESPERANTO. — Per cirkuler-letero N° 47/2251 de l'19 februaro 1930, publikigita en la oficiala organo Telegrafopoŝtenski izvestija (N° 8/10 Marto 1930), la ĝenerala direktoro de l'P.T.T. bulgaraj rekomendis donove Esperanton al la oficistaro de la telegrafa servo. Kurso de Esperanto kun oficiala subvencio estis tuj organizata en la lernejo de Poŝt-, Telefon- kaj Telegraf-oficistoj de Sofia. I.E.S.

ESPERANTO EN LA UNIVERSITATO. — En la Universitatoj de Ĝenevo, Zagreb, k.a. jam ekzistas katedro por Esperanto. En konsiderinde granda nombro de teknikaj lernejoj ktp. Esperanto estas jam enkondukita. D-ro Buchanan, filo de skota komercisto, kiu mortis antaŭ ne longe en Liverpool postlasis fundon de 4000 funtoj sterlingaj por krei katedron de Esperanto en la Universitato de tiu urbo. Esperanto estas jam instruata en la Universitato de Liverpool kaj pluraj eminentaj profesoroj estas adeptoj de la internacia lingvo. I.E.S.

ESPERANTO KAJ LA TRAMVOJO. — La nombro da tram-oficistoj, kiuj lernas Esperanton pligrandiĝas de tago al tago. La Direkcio de la tramvojoj de Düsseldorf ĵus decidis, ke la tramistoj parolantaj la helplingvon estu distingataj por brak-rubando, kiu surhavas la vorton « Esperanto ». I.E.S.

LA POLICO KAJ ESPERANTO. — De multaj jaroj, Esperanto estas ankaŭ uzata en la Polico. En Lods (Polujo), lastatempe, kurso por policanoj estis komencata kun 50 policistoj. En Genevo (Svislando), oni baldaŭ rekomencos la Esperanto-kursoj por ĝendarmoj.

Por povi labori sur bazo pli larĝa kaj en kontakto kun la oficiala organizaĵo de la Esperanto-movado, la organizo de la esperantistaj policistoj estas restarigita en Leipzig sub la nomo « Internacia Polica Ligo ». I.E.S.

ESPERANTO EN LA SERVO DE LA POLITIKO. — La Komitato por la eksterlanda rilataro en Ŝanghaj (Ĥinujo) antaŭ iom da tempo publikigis broŝuron en Esperanto pri la problemo de Shantun. Ni memoru, ke dum la mondmilito, samkiel de post ĝi, Esperanto estis tre ofte kaj kun granda sukceso uzata en la diversaj landoj por celoj de politiko, antaŭ ĉio por la gazetara propagando en la eksterlando. I.E.S.

LA AŬTORITATOJ KAJ ESPERANTO. — Esperanto ĝuas de post multaj jaroj la favoron de tre konsiderinda nombro de Aŭtoritataj en la tuta mondo. Ankaŭ en ĉi-tiu jaro, la sveda parlamento adoptis — sen ia diskuto — la proponon por subvencio, kiel en la lasta jaro, de la kursoj de Esperanto por instruistoj. La sumo de 2000 kronoj estis denove fiksata en la respektiva budĝeto.

La urbo de Kortrijk, donis subvencion de 1000 frankoj por la popol-kursoj de Esperanto kaj senpage disponigis por tiuj kursoj la necesajn lokojn.

ESPERANTO KAJ LA FERVOJO. — La Direkcio de la fervojoj de l'Germana Regno (sektoro de Dresdeno) eldonis gvidilon por la uzo de eksterlandanoj vojaĝantaj en Germanujo. La koncerna broŝuro konsistas el demandaro en 20 lingvoj kun la necesaj respondoj. Speciala sistemo permesas tujan komprenon inter du personoj per legado. Ĉi-tiu gvidilo entenas ankaŭ rubrikon en Esperanto.

En la oficiala horaro de la finlanda fervojaro, oni trovas regule klarigan tabelon en Esperanto por la uzo de eksterlandanoj.

Antaŭ ne longe, la Internacia Konvencio pri la transporto de personoj, pakaĵoj kaj komercaĵoj estas tradukita en Esperanto de grupo de fervojistoj — specialistoj — en Ĉeĥoslovakujo. La traduko, kiu aperis en formo de broŝuro servos kiel bazo por komerca vortaro de l'fervojoj, en Esperanto. I.E.S.

ESPERANTO EN LA LERNEJO. — Laŭ statistiko lastatempe farita kaj, kiu ne pretendas esti kompleta, Esperanto estas instruata en 718 lernejoj de 38 landoj. La statistiko ankaŭ notas la ciferon de 4568 instruitoj en 51 landoj disponeblaj por instruado de tiu-ĉi lingvo en la lernejo. I.E.S.

LA KOMERCAJ ĈAMBROJ KAJ ESPERANTO. — Esperanto penetras iom post iom en la komercon. La oficiala Bulteno de la Belga Komerca Ĉambro en Londono publikigas de tempo al tempo artikolojn en Esperanto.

S-ro Baudet, la prezidanto de la Komerca Ĉambro de Parizo estas tre fervora adepto de la helplingvo. La Esperanto-movado ŝuldas al lia iniciativo diversajn praktikajn manifestaciojn, en kiuj Esperanto estis adoptita aŭ uzita en konvinkiga maniero.

S-ro Baudet, antaŭ kelka tempo, estis elektata kiel prezidanto de la asocio « Esperanto et Commerce », kies sidejo estas en Parizo. I.E.S.

LA AKTUAROJ KAJ ESPERANTO. — Neniu teknika rimedo sufiĉas por venki la malfacilaĵojn de la multeco de l'lingvoj en la internacia rilataro. Post kiam ĝi sendis observanton al la lasta Universala Kongreso de Esperanto en Budapest (aŭgusto 1929) la Konstanta Komitato de la Internaciaj Kongresoj de l'Aktuaroj publikigis por la unua fojo resumon de siaj artikoloj en Esperanto, en sia organo oficiala, en hungara, germana, franca kaj angla lingvoj. La demando de Esperanto troviĝis en la tagordo de la kongreso 1930. I.E.S.

ESPERANTO KAJ LA INTERNACIAJ EKSPOZICIOJ. — Laŭ la ekzemplo de aliaj ekspozicioj, la ekspozicia Komitato de Stokholmo 1930 aperigis tre interesan fald-prospekton en Esperanto. Samkiel je pluraj fojoj, ankaŭ ĉi-tiun jaron, la foiroj de Paris kaj Lyon publikigis prospekton en ĉi-tiu lingvo, la komitato de la higenia ekspozicio en Dresdeno faris same. I.E.S.

ESPERANTO KAJ TURISMO. — Por la 3-a fojo, la Ministerio de Trafiko kaj Komerco de Aŭstrio aperigis prospekton en Esperanto, kiu estis ĉie distribuita en granda nombro. Jen pruvo plia pri la praktika utileco de ĉi-tiu lingvo. I.E.S.

LIĤTENSTEJNO KAJ ESPERANTO. — Antaŭ iom da tempo, la registaro de la princlando de Liĥtenstejno decidis pri la eldono de oficialaj poŝtkartoj kun teksto en germana lingvo kaj en Esperanto. Nun, la Turisma Unuiĝo de Liĥtenstejno distribuas prospekton pri ĉi-tiu lando, en Esperanto, kiu havas celon de turisma propagando. I.E.S.

REMARQUE EN ESPERANTO. — La gazetaro laste anoncis la aperon en Esperanto de la primilita libro de Remarque « En Okcidento nenio nova ». Hodiaŭ, ni povas aldoni, ke ĉi-tiu eldono estis grandega sukceso. I.E.S.

INTERESA EKSPERIMENTO PER RADIO. — La radio-stacio « Lyon-la-Doua » de l'P.T.T. organizis antaŭ ne longe interesan konkurson. Kvin esperantistoj eksterlandaj laŭvice aperis antaŭ la mikrofono kaj recitis en Esperanto strofon de poemo de Zamenhof. La tasko de la aŭskultantoj estis indiki la naciecon de ĉi-tiuj esperantistoj. La plej lertaj aŭskultintoj povis sole indiki la naciecon de du eksterlandanoj. Nenio surpriziga estas en tio. Oni scias, ke estas tre malfacile rekoni la naciecon de personoj parolantaj en Esperanto, konsiderante, ke la prononcado estas la sama por la tuta mondo. Tamen, oni povas ankoraŭ renkonti kontraŭulojn de la helplingvo, kiuj asertas, ke ĉiu popolo parolas Esperanton laŭ la prononcado de sia propra lingvo. Kompreneble, tiuj-ĉi kontraŭuloj neniam aŭdis paroli Esperanton kaj cetere ne volas aŭdi paroli ĉi-tiun lingvon. Ili estas la surduloj de la Evangelio. I.E.S.

# DIVERSAJ INFORMOJ

**Literatura Mondo,** la bela, lukse ilustrita revuo grandformata, reaperis de Januaro 1931. La prezo estas Fr. 62,50. Abonojn oni sendu al la reprezentanto por Belgujo: Belga Esperanto-Instituto, Kleine Hondstraat, 11, Antverpeno. Simple mendu per pago al poŝtĉekkonto n° 1689.58.

**Inaŭguro de la Placo L.L. Zamenhof** en Boulogne s/M. en Francujo. — La Nordfranca Federacio de la Franca Soc. por la propagando de Esp. havos sian kongreson la 26an de Julio 1931 en la urbo de la unua Universala Kongreso de Esperanto (1905). Je tiu okazo la loka Esperanto-grupo petas la samideanojn, precipe la ĉeestintojn de tiu unua kongreso, ke ili ĉeestu la solenaĵon. Memortabulo estos starigita sur unu el la ŝtonaj kolonoj, kiuj borderas la placon. La tabulo havos franclingve jenan surskribon: « Placo L. Zamenhof (3-2-31). Por memorigi la unuan Universalan Kongreson Esperantistan (Aŭg. 1905) kaj je la memoro de la kreinto de la lingvo Esperanto (Federacia kongreso 26-7-1931).» Ni esperas, ke multaj belgaj samideanoj ĉeestos. Ili aliĝu tuj sendante sian kotizon de Fr. Fr. 5,— al S-ro V. Haigneré, kasisto, 40 rue Isly, Boulogne s/M.

**Annuaire du Commerce et de l'Industrie en Belgique** akceptas signigi per steleto la uzantojn de Esperanto, imitante la iniciaton de la granda franca adresaro Didot-Bottin. Tiu rezultato estis akirita de nia sindona samideano Ch. Lavisse, el Bruselo. La grupoj estas petataj kolekti la nomojn de la Esperantistoj de sia loko, fari el ili liston (per skribmaŝino) kaj havigi tiun liston al la ĝen. sekretario de Belga Ligo Esp., 60 St. Lievenslaan, Gento, antaŭ la 31a de Decembro.

**Ekspozicio en Aerschot.** — S-ro Jean Winderickx, St. Niklaasberg 1, Aerschot, kolektas por Skolta Esperanto-ekspozicio specimenojn de Esperantaj kaj aliaj gazetoj. Koran dankon antaŭe al ĉiuj sendontoj.

**La Stacio " Radio-Alger ",** kiu jam uzis nian lingvon por propagandaj paroladoj pri turismo, organizas Esperanto-kurson, ĉiumarde je 19h.

**Kataluna Antologio.** — La grava eldonejo Editorial Iberica, en Barcelono, decidis starigi Esperanto-fakon kaj, kiel unua paŝo, prenis sur sin la taskon reeldoni la imponan verkon « Kataluna Antologio », kies unua eldono estas de longe elĉerpita. La verko enhavanta 416 paĝojn, 15,5×22 cm., sur bonega papero, aperos en Julio 1930. Ĝia prezo estos nur 10 pesetoj. Oni mendu ĉe Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno, (Poŝtĉeko 1689.58).

**La 15a Kongreso itala de Esperanto** okazos en Como de la 30 Aŭg. ĝis la 2 Sept. 1931. Petu informojn ĉe la adreso: Via Pelliccerie 2, Udine.

**La 10a Internacia Tendaro de la Skolta Esperantista Ligo** okazos 14-20 Julio apud Budapesto, laŭ invito de la Hungara Skolta Ligo. Interesuloj skribu al tiu Ligo, Budapest V. Nagy Sandor Utca 6.

**2a Turisma Esperantista Karavano: Milano-Alpaj Lagoj-Verona-Venezia** estas organizata de la Itala Esperantista Federacio kaj de la Franca Societo por la propagando de Esperanto. Unu karavano, la Nord-Orienta, daŭras de la 23a ĝis 28a Julio vespere kaj kostas 520 italajn lirojn; dua karavano, la Nord-Okcidenta, de la 20a ĝis la 28a julio kaj kostas 780 it. L. La programo estas zorge kunmetita kaj povos kontentigi la plej postulemajn vojaĝemulojn. En Verona, ekzempli ili ĉeestos, ĉe la Areno, grandiozan spektaklon lirikan, famekonatan en la tuta mondo. Ni rekomendas peti la detalan programon de « Esperanto-Centro Itala, Galerio Vittorio Emanuele 92, Milano.

**La Esperantista Societo " Nova Sento " en Barcelono,** petas nin sciigi, ke ĝia nuna adreso estas: Independencia 79, Barcelono.

## KORESPONDADO

— Wilh. Lange, Petrikirchplatz, 8, Eisleben (Germanujo), interŝanĝas poŝtmarkojn kaj il. poŝtk. afrankitaj bildflanke. Respondas ĉiam.

— Kurt Schmeisser, am Bahnhof 61 c., Dahlen i. Sa. (Germanujo), serĉas korespondantojn.

— Tri junaj samideanoj deziras korespondi kun samideanoj el ĉiuj landoj per p.k. ilustr. kaj p. markoj:

Antono Pinilla, strato Ballestar 9-3°, Zaragoza (Hispanujo);

Ferdinando Martinez, strato S. Pablo 15, Zaragoza (Hispanujo);

Antono Pitar, plaza del pueblo 8-1°, Zaragoza (Hispanujo).

— A. P. Solovjov, 32 linia 22, Prol. bajon, Rostov a/D., U.S.S.R. (Rusujo) deziras korespondadon kun esperantistoj-muelistoj. Interesas sin pri libroj kiuj pritraktas industrian produktadon de grio de maizo, poligono, milio, aveno, rizo kaj hordeo.

— Firmo G. Degrives, 9 rue Blanche, Clamart (S), Francujo, serĉas personon, kiu vizitus papervendistojn por vendo de Kristnaskaj kaj novjaraj kartoj.

— La adresaro 1931-32 de Sudokcidentgermana Esperanto-Ligo, kun adresoj de geliganoj el 122 diversaj lokoj, aperis. Prezo: 1 respondkupono. Mendu ĉe suprecitita Ligo en Wiesbaden.

## BIBLIOGRAFIO.

*Verkoj, de kiuj ni ricevas unu ekzempleron, estas citataj sub ĉi tiu rubriko. De tiuj, kiujn ni ricevas duekzemplere, ni publikigas recenzon.*

*Ĉiuj verkoj estas haveblaj ĉe Belga Esperanto-Instituto Antverpeno, 11, Kleine Hondstraat — rue du Petit Chien; poŝtĉeko n° 1689.58.*

ENCIKLOPEDIA VORTARO ESPERANTA-GERMANA. KVARA PARTO de Eugen Wüster. — Eldonis Ferdinand Hirt & Sohn, Esperanto-Fako, Leipzig. Enhavas la literon K ĝis la vorto *korno*, paĝojn 433—576. Prezo: Rmk. 15,—.

Ne necese estas rediri la laŭdojn jam diritajn pri la grandega laboro de E. Wüster. Kun plezuro ni konstatas, ke li persiste kaj pacience daŭrigas la verkadon de la vortaro, kiu sen iu dubo liveras multvaloran materialon ne nur al ĉiuj, kiuj deziras ĝisfunde koni la lingvon sed ankaŭ al ĉiuj estontaj komprilantoj de nacilingvaj Esperanto-vortaroj.

EN OKCIDENTO NENIO NOVA, de Erich Maria Remarque, el germana lingvo tradukita de KVAR, kaj eldonita de Heroldo de Esperanto (Prezo: broŝ.: RM. 5,—; bindita RM. 7,—). — Jen certe libro pri kies enhavo ni ne plu devos insisti. La libro faris veran revolucion en la mondo, kaj precipe tial, oni nur povas aplaŭdi, ĉar la eldonantoj tiom rapide, dank'al la kunhelpo de S-roj Teo Jung, Jos. Berger, D-ro Hans Ellinger kaj W. Hoffmann, kapablis liveri al la Esperantista publiko la libron en la sama momento, kiam la diversaj

tradukoj aperis en naciaj lingvoj diversaj. La merito de la tradukintoj ne estas pli malgranda. Kvankam ili individue devas tralabori parton de la teksto, la unuecigo de la stilo prizorgita de la redakcio de « Heroldo » estis tiom bone farita, ke vere la libro Esperanta estas vivoplena kaj valora spegulo de la originalo. Ni ĝuis la legadon en Esperanto antaŭ ol en Germana lingvo kaj post komparo, ni rajtas aserti, ke tiuj foraj fremduloj en kies lingvo la libro eble ne estos tradukata, same kiel la aliaj, en kies lingvo la traduko eble ne estas tiom fidela kaj ŝatinda, kun plezuro tralegos la Esperantan tradukon. Jen bona laboro.

PER BALONO AL LA POLUSO. — *La libro pri Andrée kaj liaj Kamaradoj. La Polusekspedicio de Andrée en 1897.* — Eldonita sur la bazo de la notaĵoj de S.A. Andrée, Nils Strindberg kaj Knut Frenkel, trovitaj sur la Blanka Insulo en la somero 1930, de Sveda Societo por Antropologio kaj Geografio. El la sveda tradukis Stellan Engholm. Eldonis: Eldonejo Esperanto, Stockholmo. 416 paĝoj 15×13 cm.

Prezo: Nebindite: sved. kronoj. 9,—; bindite 11,50.

La eldono de tiu libro estas certe epokfaranta en la historio de la Esperantomovado, nur pro tio, ke ĝi aperis samtempe en la internacia lingvo kun tiuj en 13 aliaj naciaj lingvoj.

La verko enhavas biografion de la tri herooj de la fama ekspedicio Andrée, priskribon de la balono, detalan historion de la planado kaj de la efektivigo de la vojaĝo, kaj fidelan rakonton pri la retrovo de la restaĵoj de la ekspedicio. La nombro de la bildoj presitaj en la volumo estas 115, inter kiuj estas 10 fotografaĵoj, kiujn prenis Andrée mem post la falo de la balono. Tiuj dokumentoj estas unikaj en la mondhistorio, ĉar ili kuŝis dum 33 jaroj en la polusa glacio kaj nur per la plej zorga laboro de fotografia sciencisto povis esti rivelitaj.

La ellaboro de la rimarkinda libro estas belega, luksa. La tradukintoj kaj eldonistoj meritas plenan laŭdon pro la liverita laboro, kiu sen iu dubo estos rekompencata per amasa aĉeto flanke de la tutmonda Esperantistaro.

LES IMPOTS DIRECTS. — *Traité Pratique contenant le texte des lois* avec interprétation et coordination des arrêtés, circulaires, instructions, décisions et de la jurisprudence, de Arthur Claes kaj Edmond Gillet; 310 paĝoj 16,5×25,5 cm. Eldonis 1930: Imprimerie « L'Usine Belge », Boulevard Jamar, 47, Bruselo. Prezo: Fr. 50,—. La libro, verkita en franca lingvo enhavas plenajn informojn pri la principoj kaj pri la apliko de la impostoj ĉiuspecaj en Belgujo. La klarigoj estas hele kaj metode prezentitaj. Notinda fakto por ni estas, ke unu el la verkintoj, S-ro Arthur Claes, estas bona Esperantiste, membro de nia Antverpena grupo « La Verda Stelo ».

INTERNACIONALSTENOGRAFIO. — Sistemo de stenografio internacia por ĉiuj lingvoj. Rapida kurso de F. de Kunovski, reviziita de H. J. Hoen, kaj eldonita de Instituto de Internacionalstenografio, Duisburg, Friedenstrasse, 79. estas tre taŭga lernolibro kies ekzercoj estas bazitaj sur la Krestomatio de D-ro Zamenhof, tiel ke la lernantoj tuj havu la korektilon por la en stenografio skribitaj tekstoj.

THE NORTH AMERICAN ESPERANTO ALMANAC — NORD-AMERIKA ESPERANTO ALMANAKO POR LA JARO 1930. — Redaktita de J. J.

Sussmuth. Eldonita de Esperanto-Asocio de Nord-Ameriko, Fort Lee, N. J., U.S.A. 112 paĝoj, 10×15 cm. Prezo: necitita.

BRIGHTON. — Gvidfolio laŭ formato de la U.E.A. serio, 23x16, donanta informojn pri tiu angla « Reĝino de Banurboj ». Eldonis la Corporation Publicity Department (E) Royal Pavilion, Brighton, Sussex, Anglujo.

La konstanta kreskanta aro de per-esperantaj propagandiloj montras la grandiĝantan gravecon kiun ĉiaj komercaj kaj turismaj entreprenoj konfesas al Esperanto. Tial tiuj eldonaĵoj estu troveblaj en la manoj de ĉiu efikema Esperanto-propagandisto. Ili estas plej bonaj armiloj kontraŭ skeptikuloj.

OFICIALA BULTENO DE LA ESPERANTISTA AKADEMIO. — *Kajero II*: Februaro 1930: Kvara aldono al Universala Vortaro. Nekrologaj artikoloj pri Generalo Sebert, Marie Hankel kaj Török Peter.

*Kajero III* : Junio 1930: Raportoj de la prezidanto kaj de la direktoroj de la diversaj sekcioj de la Lingva Komitato kaj Akademio. Nekrologa artikolo pri F. de Ménil. Listo de verkoj publikigitaj de L. K. anoj.

FILATELISTA ADRESARO. — Dumonata Organo de Poŝtmark-kolektantoj. 16 paĝoj. 15×22 cm. Administracio kaj eldonejo en Jablonné n. Orl., Ĉeĥoslovakujo.

ADRESLIBRO DE FILATELISTOJ. JARO 1930. — 30 paĝoj. 14,5×21,5 cm. Eldonita de Wladyslaw Lekowski, Piastow, kolo Warszawy.

## LA VOJAĜANTOJ.

La suno estis verŝinta siajn orajn radiojn sur la teron, kiam tri fratoj, loĝantoj el Vieno, trovis saketon plenan je oro. Sinjorino Fortuno ofte malŝparas siajn favorojn, kiam malplej atendite, kaj tiuj Vienaj vojaĝantoj, kiuj ne estis malproksime de Triest, estis ravitaj. La Smith'oj, ĉar tia estis ilia nomo, decidis ke la plej juna iros al la urbo por aĉeti nutraĵon. Dum lia forestado, la du aliaj interkonsentis, ke, kiam li revenos, ili mortigos lin kaj prenos lian parton de la oro. Tamen la plej juna frato miksis venenon kun la vino, kiun li aĉetis, por mortigi la aliajn kaj por havi sola la trezoron. Ŝipo estis preta por marveturi al Ancona, kaj li proponis ke ĝi veturigos lin tien. Li returnis kun la provizaĵo; liaj fratoj mortigis lin per siaj tranĉiloj, trinkis la venenigitan vinon kaj mortis. Tiel finis la fratoj Smith, kaj la borso je oro apartenis al neniu.

Tradukis el angla lingvo P. ROGIERS.

## OPINIO PRI ESPERANTO

*de Emile Schreiber, direktoro de la gazeto: « Les Echos »:*

Mi havis mem okazon ĉeesti internacian kunvenon de esperantistoj. Estis tie homoj el ĉiuj landoj, unuigitaj en la sama salono kaj per la sama idealo: tiu, kompreni unu la alian. Kaj efektive, ili interkomprenis ĉiuj, morale kaj lingve, kiel fratoj de unu sama familio. Mi travivis, mi memoras, aŭdante ilin, horon de granda kaj homa emocio. Mi komprenis, en tiu-ĉi momento, ke Esperanto iros sian vojon tra la tuta mondo, kiel la metra sistemo kaj ke la praktikaj servoj, kiujn fari ĝi estas destinita estos konsiderindaj ĉiel en la komerca vivo.

Presejo de Belga Esperantisto-Instituto, K. S. — ANTVERPENO






Presejo de Belga Esperantisto-Instituto, K. S. — ANTVERPENO